## Abonprezo de I.P.R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de T.A.G.E.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guldenoj.

Por la abonkotizo estas sendota el:

| | |
|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 ŝilingoj. |
| **Britujo** | 5.— ŝil. |
| **Belgujo** | 37 fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 33 ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 kronoj, |
| **Francujo** | 25 frankoj. |
| **Germanujo** | 4 markoj. |
| **Hispanujo** | 12 pes. |
| **Hungarujo** | 7 peng. |
| **Jugoslavujo** | 50 din. |
| **Latvujo** | 5 latoj. |
| **Norvegujo** | 6 kron. |
| **Polujo** | 8 zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 leoj. |
| **Svislando** | 5 frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

## Agentoj de T.A.G.E.

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE. Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon, Harrow St,, Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Aŭstra:** Societo de Aŭstraj Esperanto-Instruistoj. Gfrornergasse 13. Wien. VI.

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, „Iskar" 79. SOFIO. IV.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322. B.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 21 Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Kn. Aa. Andersen. ONSILD. Poŝtĉekkonto: No. 55673.

**Estona:** Johannes Jaanisto. Kastani—125—1. TARTU.

**Franca:** G. Chatelain, ARGENCES, (Calvados) Poŝtĉekkonto: 17606 Rouen.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Mester-u. 53. V. 7. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya. Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ JESENICE, FUZINE.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. IŜLAŬZAS. paŝt. ag.

**Nederlanda:** Provizore: W. Grolleman, Westersingel 9. CULEMBORG.

**Nederlanda Hindujo:** K. Gorter. Gondokoesoeman 7. pav. JOQJAKARTA.

**Pola:** B. Gluchowski. ŝw. Wincentego 80. WARSZAWA 24. Poŝtkonto 16992.

**Sveda:** estraro de S.I.E.F.

**Svisa:** Vakanta.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. California.

kaj:

**Amerika Esp. Instituto.** IIII Brooke Road. ROCKFORD. ILLINOIS.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Ni urĝe petas novan agenton en Svisujo.

Ĉiu *novaliĝonto*, kiu pagas sian kotizon por 1937 antaŭ la unua de januaro proksima, ricevos SENPAGE la tutan jarkolekton 1936an.

Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.

15=a jaro (Numero 6) 1936.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktoro: E. J. BOLTJES. Engelschelaan 30. Winschoten (Nederlando).
Administranto: P. KORTE. Schoolstraat 13. Veendam. (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544.
Prezidanto de TAGE: Dro Bj. BECKMAN, Konstapelsgatan19 Karlskrona, Svedujo.
Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw=Scheemda (Gron.) (Nederlando).
W. H. MOOK. Nassauplein 15a. Groningen (Nederlando).
A. VAN HAGE. Zuidwending. Veendam (Nederlando).

## La tri revoj de l' infano.

Ĉiu bubo revas pri la milito; vole-nevole la instruisto malgraŭ sia propra pacamo devas konfesi tion! Rampante tra la somera herbejo la knabo revas esti sovaĝa indiano, interbatante kun kamaradoj li sentas sin kiel maltima militisto, admirata militestro. Pri heroaj grandfaroj, bataloj kaj militiroj li sopiras dum la lecionoj, kaj kiam la knabinoj preskaŭ ploras pro la mizero kaj krueleco, la knabo ridas kaj revas.

Gösta Widén
Klass II b






La revo pri la milito.

Kial? Rigardu nian bildon pri la batalo apud Luetzen! Certe

idilia milito! Kelkaj kugloj, kelkaj mortintaj homoj kaj ĉevaloj, iomete da sango, jen ĉio! La birdo en la arbo kvazaŭ hezite forlasas la neston, kie ĝi trankville ripozis dum la batalo. Kie estas la amasoj, kiuj ruliĝis unu kontraŭ la alia en la terura ĥaoso dum mallumo kaj nebulo de la novembra mateno, kie la furioza hombuĉado? Ili ne ekzistas en lia fantazio, la batalo estas pligrandigita knaba interbatado, ne la aĉa sovaĝaĵo de la reala mondo! Apenaŭ li sentis la tragikon de la granda reĝo Gustavo II, kiu ĵus falas mortvundita de sia blanka ĉevalo . . . . Revita aventuro, ne vera milito!

Kaj tial la revo pri la milito estas forigebla per aliaj . . . Vidu, grandioze etendiĝas la helflava dezerto sub la intense blua ĉielo. Varmega suno kraĉas fajron super grandegaj kaktacoj kaj oblikvaj palmoj. Sub la arboj kaŝe aliras terura besto: ĝiaj piedoj estas kvazaŭ la piedoj de ludilo, sur la malhele flava korpo oni observas grandajn makulojn, nigrajn kaj ruĝajn, ĝiaj okuloj estas malicaj kaj stultaj. Kiu estas tiu besto? Ĉu tigro, sangomakulita, ĉu la timeginda Sere Khan, kiun Kipling tiel vive priskribis en „La libro pri la ĝangalo", ĉu nura fantaziaĵo, nekonata de la scienco?

Kial demandi, diskuti, kritiki? Ni revu kiel la bubo, ni revu pri la Oriento . . . . Kion vi imagas, elparolante tiun vorton? Varmego, fajro, sekeco, senpluveco, fortaj, brilegaj koloroj, danĝera sovaĝeco . . . . Kaj tion donas al ni la naiva bildo de dekdujara norda revemulo, ĉu ne?

Kaj migrante tra la fabelmondo de la Oriento, de Afriko subite ni ekhaltas vid-al-vide al stranga figuro. Preskaŭ perforte ĝi elstaras el ŝaŭma ĥaoso de ĉielarkaj koloroj, neniel aeraj kaj serenaj, sed tere ardaj kaj fortaj. Ĉu negra fantaziaĵo, naiva, primitiva, preskaŭ freneza kreaĵo de in sovaĝa pentristo el la lando de tabuo kaj totemo, kies barbareca brilego samtempe allogas kaj repuŝas? Negra idolo, etendante siajn brakojn ĝis la suno, la mondpatrino . . . .

Sed tamen, kia kostumo, kia kurioza ĉapo, kiaj trikitaj gantoj, apenaŭ uzeblaj en Centra Afriko! Kaj kia stranga arbo, kreskanta el la kolormaro! Al la murtapiŝoj, la fantaziaj pentraĵoj de svedaj kamparanoj, precipe la dalekarlianoj, similas la kostumo — kurioze novkreita nacia kostumo, duone lapona — la arbo, la tuta aranĝo ne nur de tiu bildo sed ankaŭ de la aliaj . . . .

Sennombraj fadenoj interligas la animojn: en la fantazio de infano troviĝas loko por negroj kaj dalekarlianoj, ĉasantaj tigroj sub la ĉielo de l' dezerto kaj militantaj homoj sub la palaj nuboj de la nordo. Ĉion ĝi posedas, ĉion ĝi kombinas, ĉion ĝi novkreas, ĉar super ĝi regas stranga Dio, la Dio de sovaĝuloj, primitivuloj, de totemismo, de pratempa kamparana kulturo kaj de dekdujara knabo. La Dio de la fantazio, kiu povas esti samtempe lapono, svedo, negro . . . .

Bj. B-n.



La revo pri la Oriento.



La revo pri Dio.

# La elektra lumigo de la lernejo.

## Medicin-higienaj kaj pedagogiaj postuloj kaj la koncernaj teknikaj aranĝoj.

Estis iam tempo, kiam oni ne tiel ĝenerale kiel nun komprenis la sanitaran gravecon de la lumo, precipe ne de la lumigo en lernejo. Sed depost kelkaj jardekoj oni povas paroli pri raciaj penadoj al plibonigo de la okulhigieno en la lernejoj.

Jam en la jaro 1863 la svisa kuracisto Fahrner evidentigis, ke dum kelkaj malfavoraj cirkonstancoj, koncerne la benkon kaj la lumigon, la lernantoj regule malleviĝis en tre nenatura teniĝo. „La brusto estis apogata ĉe la tablo, la dorso klinata antaŭen kaj turnata dekstren, la maldekstra brako kaj la kapo mallevata; la okulo estis tenata nur 10 ĝis 15 cm super la papero."

Malbone aranĝata, nesufiĉa lumigo en la lernejo tamen povas por la kreskanta generacio okazigi multajn maloportunojn en la praktika vivo, jes eĉ grandajn danĝerojn por la estonta ekzisto de la vidkapablo.

Granda parto de la homaro estas precipe disponata al komenco de miopeco dum la junaĝo. Dank al multaj amasaesploradoj oni scias, ke kaj la nombro de la miopuloj kaj la grado de la miopeco kreskas kun la nombro de la lerneja klaso. Oni ankaŭ scias, ke estas la streĉo dum la fiksa rigardado ekz. dum legado, skribado kaj desegnado, kiu estas la plej grava kaŭzo de la miopeco. Ju pli malluma la klasĉambro estas, ju pli oni devas plenumi daŭran, streĉan laboron pri proksimaj objektoj en malbona lumigo, des pli la infano devas alproksimigi siajn okulojn al la laboraĵo, la kapablo fikse rigardi estas trostreĉata, multaj el la infanoj fariĝas miopaj, la miopeco pli kaj pli progresas — iam ĝis nekuracebla difekto. La miopa okulo tute ne estas forta okulo, kiel oni ofte diras kaj ankaŭ kredas, ĝi estas malsana.

Ankaŭ alimaniere la okuloj de la infanoj povas difektiĝi pro nesufiĉa aŭ maloportune aranĝata lumigo; precipe se la okulo suferas de alia, cetere tre ofta manko pri la refrakto, nome malmiopeco, certaj simptomoj de laceco, t.n. „akomoda astenopio", povas aperi. Dum laboro pri proksimaj objektoj, precipe dum malfavoraj lumigaj cirkonstancoj, oni komence bone vidas la objektojn, sed baldaŭ ili fariĝas malklaraj, kaj aperas laceco, streĉeco en la okuloj, kapdoloro. La infano devas paŭzi, komencas denove, sed post momento la samaj malagrablaĵoj reaperas k.t.p. Se la infano daŭrigas la laboron, la laceco, la streĉeco, la kapdoloro kreskas, eĉ naŭzo kaj vomado povas aperi, la okulo ruĝiĝas kaj pleniĝas per larmoj. Iam evoluas kronikaj malsanoj en la liga membrano aŭ la randoj de la palpebroj.

La dezirindaĵoj de la okulkuracisto kaj la pedagogo povas esti resumataj tiamaniere :



Malmoderna klasĉambro.

La lumigo devas havi en ĉiu parto de la ĉambro sufiĉan forton kaj esti kiel eble plej egale disdividata. Precipe oni devas zorgi pri bona lumigo sur la benkoj kaj la nigra tabulo.

Blindetigo ne devas okazi ĉu rekte de la fonto de lumo, ĉu per rebriloj de bildoj, landkartoj, libroj aŭ skribpapero.

La ombrigo devas esti tia, ke neniaj ĝenaj ĵetombroj aperas, dum samtempe ia ombreco devas ekzisti por plifaciligi la skribadon.

La lumigo devas kontribui al bona impreso de la ĉambro.

La instalo devas havi bonan gradon da efiko, t.e. plenumi prudentajn postulojn koncerne la ekonomion.

Kiam oni konstruas novajn lernejajn domojn aŭ modernigas malnovajn, oni kompreneble ankaŭ provas fari la ejojn kiel eble plej laŭcelaj, higienaj, komfortaj. Ŝajnas tamen, ke oni koncerne la artefaritan lumigon de la lernejaj ĉambroj ankoraŭ ne bone scias la teknikaj progresojn, kiuj okazis dum la lastaj jaroj. Ne malofte oni renkontas unu apud la alia, privatan konstruaĵon kun bone lumigitaj loĝejoj kaj elmontraj fenestroj kaj lernejon, kie ankoraŭ malnoviĝintaj kaj nesufiĉaj aranĝoj por la lumigado de la ejoj donas la stampon de malgajeco al la tuta ejaro.

La pli grava afero ja ne estas, kiel la lernejo aspektas de la ekstera

flanko. Bedaŭrinde en la pli granda parto de la lernejoj de nia lando (Svedujo) la lumigo estas nekontentiga por tiuj, kiuj devas labori tie dum tiuj sezonoj, kiam la natura lumigo ne sufiĉas.

Malfermitaj ŝirmiloj el ostkolora vitro kun lampoj grandparte videblaj ankoraŭ certe estas la plej kutima tipo de lumiga materialo. La disdivido de la lumaj punktoj ofte estas tute arbitra kaj la alteco super la planko varia. Normo por kalkuli la lumigan forton certe ankaŭ ofte mankas.

Por konstati, kia teknika solvo plej bone povas plenumi ĉiujn suprenomitajn postulojn, la sveda Asocio por Lumkulturo aranĝis dum la printempo 1932 diversajn provojn en granda Stokholma popollernejo. La redakcio de IPR danke rekonas, ke la asocio disponigis al ni ne nur la rezultatojn de tiu esplorado sed ankaŭ la kliŝojn de la du bildoj, kiuj montras al ni la saman klasĉambron lumigita laŭ malnoviĝinta kaj laŭ moderna metodo.



Moderna klasĉambro.

Resume oni povas diri, ke la esplorado pruvis, ke la duonmalrekta lumigado dum normalaj cirkonstancoj estas la plej bona. 4 lumpunktoj sufiĉas por tia ĉambro (proksimume 6-8 kvadrataj metroj) kaj lampoj de 100 w estas la plej oportunaj. La du antaŭaj lumpunktoj povas esti lokigataj sendepende de la grandeco de la ĉambro, ĉar ili precipe devas lumigi la tabulon kaj la katedron. Oni tial pendigas ilin 1.25

metrojn de la tabula muro kaj kun reciproka distanco laŭflanke de 3.25 m. La armaturo estas pendigata kun la lumiga drato 2.25 m. super la benkoj, t.e. proksimume 3 m. super la planko. La du malantaŭaj lampoj estas lokigataj 4.25 m. de la antaŭaj kaj je la sama distanco de la longaj muroj kiel tiuj-ĉi. La alteco super la planko estas la sama.

Tia aranĝo postulas, ke la longeco de la ĉambro estas maksimume 8 m. Se ĝi iomete transpasas tiun mezuron, oni povas pligrandigi la malantaŭajn lampojn ĝis 150 w. Tiam oni tamen devas uzi armaturon kun pli rekta efiko en la antaŭaj lampoj por malhelpi la akrigon de la ombroj.

Tiu dispono tamen estas nesufiĉa, kiam la ĉambro estas pli ol 8.5 m. longa. Tiaokaze oni devas transiri al 6 lumpunktoj, tiel lokigataj, ke la reciproka distanco inter la paroj laŭlonge estas duoble pli granda ol la distanco de la laste paro ĝis la malantaŭa muro. Duonmalrekta armaturo kaj lampoj de 100 w.

La uzado de duonmalrekta armaturo dependas de la alteco de la ĉambro, ĉar tiu tipo postulas distancon de 1.2. m, inter la lumiga drato kaj la plafono. En ĉambroj malpli altaj ol 3.5 m. oni tial devas transiri al kvaronmalrekta armaturo. En limaj kazoj oni tamen sen maloportuno povas uzi duonmalrektan armaturon sed neniam la lampoj devas pendi pli malalte ol 2 m. super la benkoj.

Se oni rigardas la ciferojn ĉi-supre oni facile povas lerni la t.n. „kvaronmetron regulon" : 1.25 - 2.25 - 3.25 - 4.25 m. Kompreneble oni devas observi la simetrion koncerne la laŭlongan mezlinion de la ĉambro.

Ankaŭ la meblaro en la klasĉambro estas grava. Ĉiuj surfacoj devas esti senbrilaj por eviti speguliĝojn. Tio koncernas precipe la nigran tabulon, ĉar la skribo sur polurita surfaco estas nelegebla de kelkaj lokoj pro rebriloj. Dezirinde estas, ke ankaŭ la benkoj havas nebrilajn surfacojn. Certe tio estas maloportune koncerne la purigadon, sed oni povas demandi, ĉu oni ne povas ricevi sufiĉe glatan surfacon kun pli nebrila vernizo ol la nuntempe plej ofte uzata.

La plafono kaj la muroj devas esti ne nur nebrilaj sed ankaŭ helaj. Por la plafonoj kaj la supraj partoj de la muroj la blanka koloro estas preferinda. La malsupraj partoj de la muroj devas havi helajn kolorojn sen troigo, tiel ke oni ricevas „trankvilan" fonon. Helflavaj, helverdaj, heltegolaj koloroj estas la plej oportunaj. La rebrila kapablo devas esti proksimume 50 %. La fenestroj devas esti provizataj per helaj tirfermeblaj kurtenoj, kiu plenumas duoblan taskon : difuzigi la naturan lumon kaj rebrili la artefaritan.

Tiamaniere oni ricevas lernejan lumigon, kiu povas okazigi bonan lumigon de la laboro, kaj belan impreson de la ĉambro, tial ke la infanoj povas ricevi senton da lumo kaj ĝojo, ĉar nur tiamaniere estas kreata la ĝusta agrableco kaj komforto dum la laboro.

(Laŭ la rezultatoj de esplorado de Sveda asocio por Lumkulturo kompilis B. B.) (Kaj en aliaj landoj ?-Red.)

# La idealisto kaj la realeco.

Li estas fragila kiel junko, malfortika laŭ staturo, certe pro nesufiĉa nutraĵo. Li estas nervoza, sendorma, distrita; surŝipe li fariĝas senhelpe marmalsana, pro siaj tremantaj manoj li ofte aperas tranĉita post la razado.

Hontema kaj modesta li paŝas tra la stratoj, en la koridoroj, supren kaj malsupren laŭ la lernejaj ŝtuparoj. Ĉar li estas licea adjunkto. Nek parencoj, nek amikoj lin akceptas kiel gasto, nur maljuna onklino transdonas al li herede sufiĉe grandan sumon, kaj lia sola amiko, maljuna arbo, kreskanta en la ĉirkaŭaĵo de lia urbo ĉiun printempon instruas al li la penigan arton vivi kaj elteni.

Sed ĉu li vere lernis vivi? Kvarfoje la Diino de ŝanco preterpasis lian simplan loĝejon en la teretaĝo, sed li hezitas, ĉiam li hezitas, li perdas la ŝancon, kaj la kruela Diino malaperas. Li ricevas la grandan heredon, li povas viziti Italujon, li povas sanigi siajn nervojn, li povas vidi la urbon de Romeo kaj Julio! Sed sur la pramego dum lia marmalsano germana fraŭlino forŝtelas la monon . . . .

Laŭ erotika vidpunkto li estas preskaŭ analfabeto, tute ne indiferenta por la „eterne virina" sed ridinde hontema, sen fido je si mem, ĉiam hezitema. Sur la muro super lia lito pendas granda pentraĵo „La funebre vestita sinjorino". Unu nokton ŝi deiras el la kadro, karesas lin pasie, volas en deziregо malsaneca (ŝi ja estas nur pentraĵo!) proponi al li sian amon, sed li nenion komprenas, li vekiĝas la sekvontan matenon ne kompreninte ion.

Alian nokton! Dum la vespero li legis verkon de la filozofo Kant, kaj en la sonĝo li vidas, kiel pakaĵo venas el la poŝtoficejo. Kio estas la enhavo? Kiu estas la sendinto? Sur la papero staras: „La objekto en si mem. Sendis: Profesoro Kant." Ĉu vere? Li, la malmoŝto, licea adjunkto Ertstedt, la eta, distrita, ridinda sinjoro, li tenas en siaj krudaj manoj la objekton en si mem, kiu enhavas la solvojn de ĉiuj problemoj de la homaro, de la mondo, la plej profundan sekreton de Dio mem? Sed jen la hezitemo! Ĉu li estas inda? Eble li nur detruos la egan valoraĵon? Ne, li retiriĝas, li timas, li resendas la pakaĵon al la sendinto!

Trian nokton! Hundo hurlas apud la domangulo. Neniu vekiĝas krom la eta licea adjunkto, li malfermas la fenestron, nigra pudelo ensaltas la ĉambron, li rekonas ĝin, estas la Mefisto de Faŭst, la altranga potenculo, la reĝo de la magio. Sed tamen, kun pudeloj oni nemiam povas esti sekura . . . . For el la ĉambro, returnen en la mallumon kaj ŝlimon!

---

**Hjalmar Gullberg:** Ensamstaende bildad herre. Tragikomisk vers. (Senparenca, instruita sinjoro. Tragekomedia poezio.) Kun desegnaĵoj de Thorvald Gahlin Eldonejo de P. A. Norstedt kaj Filoj, Stockholm.

Ho ne, la feliĉo, la ĝuo, la potenco ne estas lia afero. Temas pri korektado de germanaj skribekzercoj, tasko, kiu sendube absorbas lian intereson sed kiun li iom post iom konfidas al sia fidela sekretario, la sepio. Vi ridas, vi miras, estimata leganto? Kial? Ĉu homo, kiu amindumas kun pentraĵoj, kiu tenis en siaj manoj la objekton en si mem, kiu gastigis dumnokte nigran pudelon, ne ankaŭ povus dungi sepion kiel sekretarion? Certe, kaj kiel komforte por lacega instruisto! La sepio ja havas ok brakojn! Kaj dum la sepio laboras, la eta adjunkto povas prepari siajn belajn, kortuŝajn lecionojn pri la erotikaj konceptoj de Goethe. Bedaŭrinde, ke la krudaj lernantoj ne povas ŝati tiajn delikatajn temojn!

Kaj en la lernejo regas la terura lernejestro, Sro Nordstjerna. Timinda persono, ceremoniema kaj malmola burokrato, potenca politikisto, estonta ministro por ekleziaj aferoj. Lia larĝa brusto brilas de ordenaj insignoj, steloj kaj rubandoj. Certe, li iom misuzas alkoholaĵojn, sed li vomas kaj akceptas klisteron kun la sama neimitebla, serioza digno, suvereno de la kapo ĝis la piedoj. Aŭskultu lian paroladon ĉe la komenco de la printempa semestro!



La lerneja direktoro parolas.

„Kolegoj! Vin, lernejan ŝipanaron,
bonvensalutas mi, la kapitan'.
Observu ni komunan bordsignaĵon,
la direktilo en sekura man'.

Laŭ la fakiro la tutmonda centro
la umbiliko estas kaj la ventro,
en krizepoko introspektas li.
Ho, levu lin ĉe l' kol' el la mani' !
Ĥaribde, Scile logas nin sirenoj :
la spac' senfina kaj la personec'
sed nin konduku la ĉielaj benoj
al ĝusta cel' : *popola komunec' !*''
Dum l' aplaŭdego de la kolegaro
post la finvortoj de la direktor'
lepore Ertstedt fuĝas laŭ ŝtuparo
pro ĉassignalo de l' tiran-tutor'.

Kaj for de la pedagogiaj elreviĝoj la eta adjunkto rifuĝas al sia sekura fortikaĵo, sia studĉambro, kie li renkontas siajn fidelajn amikojn, Kant, Goethe, Shakspere . . . , Aŭ li vagas en la printempa naturo, inter arbaroj kaj montetoj, inter floroj kaj birdaj nestoj. La malfeliĉulo, li ne scias la diferencon inter hordeo kaj tritiko, sed li ripozas dum la sepa tago, manĝas siajn buterpanojn kaj gloras la Kreinton, eta ero en la ega universo.

Kaj li skribas ! Li publikigas libron, poeziaron, en kies ĉefa poemo „Pacrevo'' li enigas sian tutan, modestan kaj noblan vivkoncepton. Kaj jen kio okazas !



Ertstedt kaj Tidstrom.

Aflikt-amara
estas viv' artista :

kristanaj lupoj en ŝafida fel' —
sub mask' fratara
koro kritikista —
La „Paco-revon" glutis kun kruel'.

Sinjor Tidstromo
sperte recenzanta,
juĝanta eĉ la punkton super i,
terura homo,
akre mallaŭdanta
insultis: „Jen blasfemo kontraŭ Di' !"

Kaj la adjunkto
tuj kun modestemo
konfesis tutan mankon da geni',
sed je la punkto
pri la Di-blasfemo
protestis li kun forta energi'.

Kaj laŭ esper'
de la poeto pia,
dum iam vokas Dia juĝtrombon',
el nigra ter'
en tremo agonia
kun li Tidstromo rampos ĝis la tron'.

Jen blekemul;
li eksilentos time,
la favorito de la kokokort' !
Hezitemul'
leviĝos tuj senlime
for de l' kompleksoj kaj l' amara sort'.

Sed kiu estas doktoro Tidstrom? Ho, ĉu vi ne konas lin, la grandan kulturkritikiston de la gazeto „Matena Koko", la ekslernanton de nia adjunkto? Dubesenca figuro, mallerta kaj pri sveda kaj pri fremdaj lingvoj sed tamen sufiĉe aroga kontraŭ la instruistoj. Ĉu vi ne konas lin, kiu subtenita per la stipendio memore al la onklino de Ertstedt veturis tra Eŭropo, lernis la pretendojn de la epoko kaj nun por tridek arĝentaj moneroj povas vendi sian konvinkon kaj siajn idealojn? Certe vi renkontis lin! Mi faris.

Kaj nun nia eta adjunkto tute retiriĝas al sia fortikaĵo kaj skribas versaĵojn pro si mem, dum la najbaro, la agento Vikingsson, diboĉas en la supera etaĝo, kune kun Tidstrom kaj kelkaj baletistinoj, se li ne dormas post la ebrio „unu etaĝon pli proksime al la ĉielo", dum la adjunkto luktas kun la nigra pudelo. Iam la adjunkto mal-

kvietiĝas pro ilia ĝojo. Vundo faŭkas en nia koro, kaj li demandas: „Kiu vivas la plej riĉan vivon? Mi aŭ la agento?" Sed la venĝo maldormas, kaŝe ĝi preparas teturan katastrofon. Jen!



La fino de Sro Vikingsson.

Dum Ertstedt sole penas
pri nova poemar',
du detektivoj venas
ebria al najbar'.
Jen fino de l' drinkado,
Sinjoro Vikingsson,
de l' aera komercado
kaj falsigita mon'.

Matena Koko krias:
„Aera negocad'!"
Pri kulpo Ertstedt scias,
mantrema dum razad'.
Kompaton ne afektas
lirika bankrotul',
poemojn li kolektas
korbare pro skrupul'.

Al policej' kuregas
l' adjunkto tuj sen tim'.

„Min punu, mi petegas,
jen pruvoj pri la krim'!
Al tro ĉiela sfero
min tiris fantazi',
pri sonĝoj de l' aero
negocis ankaŭ mi!" [1])

Kaj nun la fabelo pri nia adjunkto estas finita. Lian finon kaj lian sorton la verkisto envolvas en vualojn da mistiko. Lia korpo estis polvo kaj denove fariĝas polvo, lia animo leviĝas en la libera aero, liaj versaĵoj estas bruligitaj en fajro, kaj lia fidela servisto, la sepio, revenas al sia elemento, la akvo. Sed alte super tempo kaj spaco kuŝas en fajreranta ŝaumo sub arĝenta luno la insulo de la beatuloj. Kaj tie eterne vivas kaj vivos la animo de nia eta, malmulte vireca adjunkto kiel — la edzino de Orfeo . . . .

Multaj dubas, diras la verkisto, ĉu Ertstedt efektive ekzistis. Kaj en sia stranga maniero, meze inter profunda, religia seriozeco kaj gaja, studenteca petolemo li respondas:

„Li vivis nur en la kolega rev'
de viro, nekonata de li mem."
Eble iu el vi estas tiu revanto?

Bj. Beckman.





[1]) „Aera negoco" oni nomas en Svedujo tian negocon, kie oni vendas kaj aĉetas objektojn, kiuj efektive ne ekzistas kaj tiamaniere trompas la klientaron.



# De la laborkomitato.

La laborkomitato kore kaj sincere dankas al ĉiuj, kiuj per sia helpo ebligis al ni pretigi ĉi-tiun belan numeron. Du personoj, el kiuj unu samideano, kiuj deziras resti nekonata, havigis al ni la necesan monon. La juna, promesanta sveda artisto Torsten Nilsson el Rödeby desegnis la kovrilon kaj la vinjetojn. La desegninstruisto, artisto Göran Skârman disponigis al ni la infanajn desegnaĵojn pri kiuj temas la artikolo „La tri revoj de l' infano". [1]) La Sveda Asocio por la Skiado [2]) kaj La Sveda Asocio por Lumkulturo disponigis al ni la kliŝojn de la koncernaj ilustraĵoj kaj la Eldonejo P. A. Norstedt kaj Filoj donis al ni la permeson represi la desegnaĵojn de Thorvald Gahlin. Jen nia komenco, ĉu iu ankoraŭ dubas pri la estonto de TAGE?

*Nu, ek al la varbado por 1937.* **Vi, ĉiuj**!!! *Kaj ne prokrastu.*

Bv. **ne** forgesi:

1. nian statistikon (no. 5 I.P.R. 1936). Helpu al la dissendado de la formularoj al la adresoj de kursgvidantoj. Jam multaj bonegaj kaj valoraj respondoj atingis nin.
2. nian TAGE-tribunon. Inter la diverseco de viaj opinioj, I.P.R. serĉas sian vojon.
3. (kaj *nepre* ne): la propagandon por TAGE kaj IPR.

---

[1]) Bedaŭrinde 2 kliŝoj ne alvenio ĝustatempe.

[2]) Vidu la sekvantan numeron. (Red.)

---

**ATENTU:** Pristudu la numeron, kiun vi nun havas en la manoj, kaj rimarku, kion la laborkomitato post multaj penadoj atingis. Helpu vi, per via *varbado, propagando* kaj *redakcia kunlaboro,* ke **en la estonto** I.P.R. povos aperi daŭre en bela vesto **kaj monate.**

# El diversaj landoj.



## Anglujo.

**Vizito de lernantinoj al Anglujo... Paskon 1937.**

Moderna, bone ekipita, popollernejo en Birminghamo, Anglujo, kie oni instruas Esperanton, deziras inviti lernantinojn, aĝo 11—17 jaroj, el aliaj landoj, pasigi unu semajnon, de sabato, Marto 27 ĝis sabato Aprilo 3, 1937, por interkonatiĝi, per Esperanto, kun la anglaj lernantinoj.

La kosto, sen vojaĝelspezoj, sed inkluzive de loĝejo en la lernejo mem, manĝajoj, kaj ekskursoj, estos nur po dek kvin ŝilingoj, (15.—), por persono, por la tuta semajno.

Estas necese ke ĉiu grupeto estu prizorgita de responda persono. Pri la vojaĝelspezoj al Birminghamo oni devas sin informi ĉe naciaj turistagentejoj kaj havigi la necesajn biletojn. Aranĝoj estos farataj por renkonti la grupojn en Londono.

Dum la semajno, oni vizitos la ĝardenvilaĝon Bournville kaj la Cadbury ĉokoladfabrikejon, kaj oni faros ekskurson al Stratford-on-Avon, la koro de la SHAKESPEARE distrikto.

Estas bonega okazo, ne nur vidi belan anglan kamparon, sed viziti faman industrian urbon, partopreni interesajn festetojn, kaj ekskursojn, kaj fari internacian amikecon.

Se vi deziras akcepti ĉi-tiun bonegan iviton, bonvole skribu, tiel frue kiel eble, al

Fraulino N. Sheppard, Tinker's Farm Lernejo, Northfield, Birmingham Anglujo.

---

## Jugoslavujo.

La fremdultrafika sekcio de Ljubljana komunumo ĵus eldonis novan prospekton esperantlingvan pri la urbo. Estas tio jam la tria tiurilata oficiala eldonaĵo. Ĉe la prospekto kunlaboris la anoj de nia klubo, kiuj tradukis ĝin.

Tiu nova prospekto ne estos dissendata laŭ la ĝisnuna maniero, pere de nia klubo, sed oni ricevos ĝin rekte de la eldonisto mem.

Gesamideanoj, montru, ke Vin interesas tiu oficiala rekono de Esperanto. Skribu karton aŭ leteron kaj petu la plej novan prospekton de Ljubljana.

Adresu la korespondaĵojn al:
„Tujskoprometni svet mesta Ljubljane,
LJUBLJANA.
Auerspergova palaĉa. Jugoslavio.

---

# Esperanta Klubo Ljubljana.

Ljubljana, Julio 1936.

Por la IXa esperanta kongreso okaze de prezento de „SERVISTO JERNEJ KAJ LIA RAJTO" eldonis la klubo en Ljubljana tiun verkon en la libroformo.

„SERVISTO JERNEJ KAJ LIA RAJTO" estas grandioza kanto de la laboro. Ĝi estas moderna dramo kun ĥoro kaj lumbildoj. La verkon dramatigis laŭ la oriĝinala rakonto de Joh. Cankar s-ro Ferdo Delak. Esperanton tradukis ĝin majstre konata pioniro s-ano profesoro Modrijan Franjo. Sciu, ke la verko estas tradukita kaj jam prezentita en germana, franca kaj serbokroata lingvoj, oni preparas la eldonon en pluaj aliaj lingvoj.

„SERVISTO JERNEJ KAJ LIA RAJTO" kostas nur Din 8.- Poŝtelspezoj Din -.50. Por eksterlando ĝi kostas 3 respondkuponoj kun afranko. Oni mendu kaj pagu la sumon ĉe: ESPERANTA KLUBO, LJUBLJANA, Delavska zbornica. Jugoslavio.

Gesamideanoj: Aĉetu kaj mendu tuj la libron, Propagandu inter viaj konatuloj kaj amikoj por aĉeto. Ĉe la mendo oni samtempe forsendu la monon ĉar oni ekspedos la libron nur antaŭpage.

---

# Recenzejo.



**La eldonisto** J. Philip Kruseman, Nassauplein 1.B. Hago (Nederlando) sendas al ni Esperanto-kalendaron por la jaro 1937a. La folioj de la interesa esperantaĵo estas dusemajnaj kaj montras bele presitajn fotojn el „la movado". Mi citas kelkajn: la unua Esp.-flago kun ĝiaj elpensintoj. Sinha, nia hinda propagandisto, Esp. domo en Arnhem, la „Tirola kvaro". en Islando, poŝtkarton, kiun Zamenhof propramane skribis, k.t.p.

Ĉiuj sufiĉe grandaj kun klarigaj notoj. Agrabla kaj interesa ornamaĵo, dum tuta jaro.

La eldonejo petas jam nun kunlaboron sur vasta skalo. por 1938a.

Entute: koran bonvenon en nia rondo. La prezo estas nedl. guld. 1.55, (afrankite).

K-e.

**N. van Hichtum, KUDLAGO, la malgranda Eskimo.**

La en Nederlando tre ŝatata porinfana verkistino verkis ĉi tiun historion por geknaboj, kiuj multe ŝatas aŭdi rekonton pri la lando de neĝo kaj glacio. Ni legas pri la vivo de la eskimoj en la kabanoj, preparitaj el neĝo, pri iliaj ĉasaventuroj. La historio certe plaĉos ne nur al multaj infanoj sed ankaŭ al multaj plenkreskuloj inter niaj samideanoj, kiuj ja lernis Esperanton por ekscii pri la vivo de alilandanoj. La stilo estas tre klara kaj la libreto estas por komencantoj tre taŭga legmaterialo. Fino Mannoury, kiu lerte prizorgis la tradukon kaj la Eldona Societo „Esperanto", Stockholm, kiu kiel ĉiam al la libreto (39 paĝa) donis belan aspekton, meritas nian dankon.

MK.

**L. Sinha. Hindo rigardas Svedlandon.**

Eld. Soc. „Esperanto", Stockholm

200pĝ. kun multaj fotoj. broŝ. 3,75 sved. kr.

Ofte kiam oni pritraktas kun t.n. intelektuloj la neceson de Esperanto en la trafiko, oni aŭdas la rimarkon: „Sed estas nur tre malmultaj homoj, kiuj scipovas

Esperanton, do en vojaĝo oni pli bone povas uzi anglan aŭ alian lingvon modernan." Kiel kontraŭdiro nun povas servi ĉi tiu libro, kaj laŭ mi tiu signifo estas eble la plej grava. Nun ni povas per ĉi tiu montri al la nekredantoj, ke oni, sciante Esperanton, pli bone kaj pli profunde povas konatiĝi kun la popolo ol kiam oni nur rilatas dum siaj vojaĝoj kun hotelpordistoj kaj kelneroj, kiuj pli malpli balbutas anglan aŭ alian lingvon.

Hindo ne sciante la svedan lingvon esperis per la angla konatiĝi kun la sveda manlaboro, la slojdo. Li rimarkis, ke nur malmultaj povis kompreni lin. (Legu kaj ĝuu la ĉarman historion pri la cigaredo!). Li konatiĝis hazarde kun Esperanto kaj per ĝi li lernis dum sia restado ne nur multon de la slojdo sed ankaŭ multe pri la vivcirkonstancoj de la svedoj. En tre facila kaj klara eĉ iom naiva stilo li priskribis siajn vojaĝojn tra diversaj partoj de la granda lando. Ni legas pri la Stokholmaj konstruaĵoj, muzeoj, pri la farmbienoj de Skåne, pri la laponoj kaj ilia vivo en la plej norda parto de la terglobo.

Tre, tre bone ni konatiĝas kun Svedujo kaj ĝiaj diversaj enloĝantoj.

Tiu estas la dua grava signifo de ĉi tiu libro: ĝi multe instruas nin pri ĉiuj aferoj, kiuj por ni Esperantistoj, kaj precipe por ni Esperantistaj instruistoj, estas treege valoraj.

Laŭdon por la aŭtoro, laŭdon ankaŭ por la eldona societo pro la belaspekta libro.

MK.

**Pri Plena Gramatiko de Esperanto.**

Literatura Mondo informas ĉiujn aĉetintojn de la unua eldono, ke la dua eldono estas ĵus prespretigita. Ĝi estos ĉirkaŭ 100 paĝojn pli granda, ol la unua kaj la eldonejo ŝanĝos por ĉiu la unuan eldonon je la dua. La aĉetintoj, se ili hazarde ne ricevis la necesajn informojn antaŭ la 1-a de novembro povas ĝin havigi de la eldonejo aŭ de la firmo, kiu liveris al ili la libron. Kiuj ne deziras ŝanĝi, rajtas aĉeti la duan eldonon por la duona prezo.

---



---

# Tabelo de la abonantoj de Internacia Pedagogia Revuo.

| Lando | 1930 | 1929 | 1928 | 1927 | 1926 | 1925 |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Argentina | 1 | 1 | 1 | — | 1 | 1 |
| Aŭstra | 16 | 11 | 18 | 6 | 3 | 1 |
| Belga | 3 | 2 | 4 | 2 | 7 | 6 |
| Brazila | 2 | — | — | — | — | — |
| Brita | 30 | 12 | 15 | 8 | 11 | — |
| Bulgara | 16 | 10 | 20 | 16 | 9 | 10 |
| Ĉeĥoslovaka | 53 | 68 | 68 | 50 | 33 | 28 |
| Ĉila | 1 | — | — | — | — | — |
| Ĉina | 2 | 3 | — | — | 1 | 3 |
| Dana | 2 | 8 | 6 | 4 | 2 | 1 |
| Egipta | 5 | — | — | — | — | — |
| Estona | 12 | 7 | 5 | 7 | 5 | 12 |
| Finnlanda | 8 | 8 | 5 | 3 | 2 | 2 |
| Franca | 8 | 8 | 10 | 11 | 15 | 28 |
| Greka | 7 | 2 | 1 | 1 | 1 | — |
| Hispana | 1 | 5 | 5 | 4 | — | — |
| Hungara | 4 | 3 | 7 | 1 | 6 | 4 |
| Itala | 1 | 1 | 1 | — | 2 | 5 |
| Japana | 6 | 8 | 7 | 7 | 6 | 4 |
| Java | 1 | 1 | 3 | 1 | 1 | — |
| Jugoslava | 9 | 11 | 6 | 5 | 3 | 2 |
| Kanada | 1 | — | — | 1 | 1 | 3 |
| Latva | 13 | 8 | 7 | 3 | 2 | 1 |
| Litova | 4 | 8 | 6 | 8 | 4 | 6 |
| Nederlanda | 21 | 7 | 14 | 6 | — | — |
| Ned. Hinda | 3 | — | — | — | — | — |
| Norvega | 1 | — | — | — | 1 | 1 |
| Novzelanda | 2 | 2 | 1 | 1 | 1 | 1 |
| Palestina | — | — | — | — | 1 | 1 |
| Peru-a | 1 | — | — | — | — | — |
| Pola | 28 | 24 | 15 | 10 | 9 | 11 |
| Portugala | 1 | 2 | 1 | 1 | 1 | 1 |
| Rumana | 1 | 3 | 1 | — | — | — |
| Rusa | 45 | 95 | 92 | 76 | 52 | 41 |
| Sveda | 44 | 31 | 46 | 13 | 3 | 2 |
| Svisa | 4 | 4 | 5 | 2 | 2 | 2 |
| Turka | 1 | 1 | — | — | — | — |
| USA-a | 6 | 6 | 5 | 1 | 1 | 2 |
| | 363 | 358 | 375 | 251 | 188 | 181 |
| Germana | 140 | 140 | 123 | 115 | 98 | 86 |
| Saksa | 380 | 380 | 302 | 264 | 225 | 240 |
| | 883 | 878 | 800 | 630 | 511 | 507 |

La granda perdo de Rusaj abonantoj estas kaŭzita de la Soveta malpermeso, sendi monon al eksterlando. Tre ĝojiga estas la sukceso en Britlando, Nederlando kaj Svedujo. Entute IPR estas reprezentata en 37 landoj!

K. Kröber, administranto.

# JUBILEO ANDREO CSEH.



En ĉi tiu somero la Esperantistaro inde festis la 25-jaran jubileon de la eminentaj verkistoj K. de Kaloscay kaj Julio Baghy.

Eble malmultaj scias, ke ne malpli grava jubileo atendas nin. Ankaŭ Andreo Cseh jam de 25 jaroj laboras en la servo de nia movado.

Ni ne bezonas tie ĉi larĝe priparoli la meritojn de Andreo Cseh, kiu senripoze laboradas por antaŭenpuŝi la movadon. Andreo Cseh pliriĉigis nian anaron je miloj da novaj, entuziasmaj adeptoj. Lia fama metodo estas aplikata de centoj da instruistoj en la tuta mondo, vekante intereson ĉe novaj kaj malnovaj Esperantistoj.

Nun ni deziras feste rememori la fakton, ke li dum 25 jaroj senĉese dediĉis sin al Esperanto.

La Haga grupo „Fine Ĝi Venkos'' festos sian 30-jaran jubileon je lundo, la 28-a de Decembro en salono de la Zoologia Ĝardeno, Benoordenhout 2, Den Haag. La intenco estas en la sama vespero festi la 25-jaran jubileon de Andreo Ĉseh kaj transdoni al li memoraĵon pri ĉi tiu grava fakto.

Ni invitas la Esperantistojn partopreni en ĉi tiu festo persone aŭ perletere. Leteroj por laŭtlego en la festvespero povas esti sendataj al la jena adreso.

F-ino C. E. van Voorthuijsen
Noordeindsplein 2a, Leiden, Ned.

Tiuj, kiuj volas partopreni en la donaco (dependonta de la kolektiĝinta sumo) povas sendi sian kontribuon al la sama adreso, antaŭ la 15-a de Decembro 1936. (Poŝtĉekkonto de F-ino v. Voorthuijsen : 133688).

La Jubilea Komitato :

F-ino C. E. van Voorthuijsen,
Noordeindsplein 2a, Leiden.

F-ino S. M. Grönloh, Rijnkade 15 Leiden.

S-ino M. C. van Nooten—van Nooten,
Jac. Mosselstr. 14a, Den Haag.

F-ino N. Rademaker, Westplantsoen 43, Delft.

## „NIA BATALADO"

100-paĝa ilustrita libro pri Litovujo kaj ĝia ĉefurbo Vilnius, estas senpage sendata al ĉiu petanto. Skribu al :

„Vilniui Vaduoti S-ga, Kaunas, Litovujo".

# Korespondemulo !

Niaj membroj fervore deziras korespondi kun gesamideanoj en ĉiuj landoj tra la mondo, kaj ni volonte kaj senpage enpresigos vian adreson en nian monatan gazeton „Amikoj de Esperanto", kiu estas eldonata ekskluzive por Esperanto-korespondantoj kaj libro-amantoj. Sendu vian adreson senprokraste — hodiaŭ !

Abonkotizo por unu jaro : 1 svisa franko aŭ egalvaloro. (sendu poŝtmandate).

Postulu specimenon !

Adreso : **AMIKOJ DE ESPERANTO**

2 Kudan 3-ĉome, Koĵimaĉi-ku, Tokio, Japanujo.

## Esperantistaj Geinstruistoj.

Jam de tri jaroj aperas internacia revuo por esp-istaj infanoj kaj komencantoj diversaĝaj. La ĉefaj kunlaborantoj estas infanoj mem, geinstruistoj, literaturistoj, scienculoj, kiuj mem interesiĝas pri la spontaneaj elmontroj de l' infanoj.

## „INFANOJ SUR TUTMONDO"

kiu jam liveris al la edukistoj riĉan kolekton de eldonindaĵoj, komencas nun la kreadon de infana esp. literaturo. En la komenco de decembro aperos la unua legolibro por infana biblioteko : „Japana Kajero" de la revuo, konsistanta el abundaj originalaj materialoj, diverstemaj „japanaĵoj". La libreto 24-paĝa estos liverata kontraŭ 3 fr. fr. (0.30 guld. aŭ 2 internaciaj resp. kuponoj) adresitaj en maniero de antaŭmendo, antaŭ la 10-12-36. al la Red. de „Infanoj sur Tutmondo", Besse-sur-Issole (Var) Franclando. Post la 10-12-36 la libreto kostos 5 fr. fr. afrankite.

# POŜTMARKOJ.

Volonte mi interŝanĝos p.m. en ĉiuj valoroj, ankoraŭ validaj, kaj malnovaj, aerpoŝtaj aŭ eldonitaj por specialaj okazoj. Mi akceptos **nur** uzitajn, nur parte kaj malmulte stampitajn.

Sendu kvanton unue ; rekompence mi sendos el Nederlandokaj Kolonioj sur bazo de Michel-katalogo 1936-a.

C. DE JONG.
Inspektoro de „The Ocean". Acc. & Guarantee Corp.
Van Gooyenstr. 14. ARNHEM (Nederlando).